# HELECO organo de Astura Esperanto - Asocio

n-ro 51 (4) JULIO - AŬGUSTO/86

E S T R A R O   D E   A. E. A.

Prezidanto: S-ro Santiago Mulas
Vioprezidanto: S-ro Adonis González
Sekretario: S-ro Luis Muñiz
Kontisto: S-ro Manuel Fernández
Kasisto: S-ro Ildefonso Domíngues
Bibliotekisto: S-ro Julio Argüelles
Gekomitatanoj:
F-ino Pilar Alonso
S-ro Gervasio Colunga
S-ro José Ordieres
S-ro Faustino Castaño
S-ro Antonio Román

A D R E S O   D E   A. E. A.

Str. Enrique Cangas, 25
Telefono, 341918   GIJON - 6

- - - - - - - - -

E N H A V O



La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de A.E.A. Pri la artikoloj do, respondecas la aŭtoroj mem.
Depósito legal n-ro O/319/85

## KONGRESA NUMERO

Hodiaŭ, cetere kiel kutime (kutimo kiu ja bedaŭrinde iĝas, laŭŝajne, tradicio!) jen ree ni aperigas post granda prokrasto nian HELECO-n.

Sed kvazaŭ kompense ni enmanigas al vi Kongresan numeron. Estas ĝi Kongresa ne pro tio ke ĝi informu pri iu difinita Kongreso, sed pro la fakto de ĝia enhavo priparolas la ĉefajn ĉi-jarajn Kongresojn, nome: la 1-an Asturan Esperanto-Kongreson, okazinta en Navia; la 46-an Hispanan Kongreson de Esperanto, okazinta en Vigo; kaj la 71-an Universalan Kongreson de Esperanto, okazinta en Pekino.

En ĉiuj tri menciitaj Kongresoj estis nia Astura Esperanto-Asocio digne reprezentita per iuj el siaj membroj.

Ni klopodos informi kiel eble plej amplekse pri tiuj supre cititaj Kongresoj laŭeble, en tiu ĉi numero kaj en aliaj sekvontaj numeroj.

Permesu ke ni vin memorigu pri tio ke la esperantistaro staras antaŭ la evento de la Centjariĝo de ESPERANTO.: LA JUBILEO! kiun Ni ĉiuj nepre devas adekvate honori.

ADONIS.-

NIA ANTENO

En ĉi tiu nia Kongresa numero, unue, kaj kompreneble laŭ decas al Astura Esperanto-Asocio, ni raportos eĉ se koncize pri la:

UNUA ASTURA ESPERANTO-KONGRESO

okazinta en Navia, tiu bela kaj alloga urbeto naskiĝinta ĉe la bordo de la samnoma rivero kiu enfluas en la Kantabran Maron tien dissemante la sekreton de siaj misteroj kaj biografaj avataroj, de la 27-a ĝis la 29-a de Junio kaj kiu disvolviĝis laŭ la provizora programo jene:

Vendredon, la 27-an, je 17 h. 46'en la lernejo "Ramón de Campoamor" renkontiĝis la frualvenintoj, inter kiuj elstariĝis s-roj. Francisco Zaragoza Ruiz, Vicente Molins Reig kaj aliaj, akompanataj far ne malpli elstaraj esperantistoj el Navia mem kaj la "motoro", ni povas aserti plentrafe, de la Kongreso S-ro.José Carlos Chapuli Motta.

S-ro.Zaragoza larĝe klarigis kiel la sekvontage okazontaj ekzamenoj disvolviĝos respondante demandojn de s-ro.Arturo Prieto; oni preparis la eble disdonotajn diplomojn kiujn la s-ro.Direktoro mem de la lernejo per sia subskribo rajtigis.

S-ro.Chapuli Motta amplekse informis pri la okazonta Kongresa programo, post kio okazis la Interkona Vespero, kiu disvolviĝis per la kutime distra kaj emociiga etoso de tiaj programeroj.

Sabaton, la 28-an, je la 11-a h. en tiu sama lernejo "Ramón de Campoamor" okazis la ekzamenoj pri Esperanto, kiujn partoprenis i.a., kvin instruistinoj el Navia, kune kun pluraj geinfanoj, kaj ankaŭ María Carmen Junco kaj María Jesús, lernantinoj de la kursoj de nia Astura Esperanto-Asocio. Ĉiuj sukcesis en tiaj ekzamenoj pri "Kapabla Esperantisto" kaj kun"elstara sukceso" precize la fraŭlinoj María Carmen kaj María Jesús.

Je la 17-a h. okazis ĉe la kinejo "Fantasía" la oficiala malfermo de la Kongreso per la solenaĵoj, kiuj koncernas tiajn aktojn. Salutis Delegitoj de Grupoj kaj de Sekcioj, okazis folklora festo kaj disdonado de diplomoj al la sukcesintaj gesamideanoj en ekzamenoj.

Dimanĉon, la 29-an, je la 11-a h. kaj en la Kazino de Navia okazis kolokvo pri la temo: "La Eŭropa Ekonomika Komunumo bezonas nian Internacian Lingvon", titolo de interesa parolado, prezentita de s-ro.Chapúli Motta ĵus antaŭ la kolokvo. La tuto estis tre interesa kaj en tia kolokvo partoprenis kelkaj elstaruloj de nia Astura Movado.

Por ke vi mem povu juĝi pri la intereso de tiu supre citita parolado jen ni enmetas ĝin:

"Bonan matenon, karaj gesamideanoj":

"Mi deziras ke miaj vortoj estu klaraj kaj simplaj".

"La Ekonomika Eŭropa Komunumo" "bezonas nian Internacian Lingvon", estas la temo de tiu ĉi Kongreso, la Iª Astura Kongreso de Esperanto".

"La Ekonomikan Eŭropan Komunumon konsistigas dekdu landoj, laŭ certe vi ĉiuj jam scias, kaj ĉiu havas sian propran idiomon, tial la Komunumo havas dekdu malsamajn lingvojn".

"Certe ni ĉiuj opinias same, ni ĉiuj deziras ke la Ekonomika Eŭropa Komunumo parolu nian Internacian Lingvon por ke ĉiuj povu interkompreniĝi reciproke".

"Tio estas la afero".

"Ni komprenas, ke la Komunumo bezonas, pli trafe, sentas la neceson disponi komunan lingvon, por ke ni ĉiuj povu interkompreniĝi kaj paroli pri niaj komunaj problemoj sen tradukistoj".

"La Ekonomika Eŭropa Komunumo havas sian kongresejon. Viroj kaj virinoj kunsidas por pritrakti tiujn ĉi komunajn problemojn inter ili. Tamen, mi de ĉiam scias ke por kompreniĝi du personoj estas nepre necese paroli saman idiomon".

"Kiun idiomon ili devas paroli ?"



"Ĉu angla, ĉu hispana, ĉu germana, ĉu itala....? Kial ? "

"Ĉiuj ni estas konvinkataj... En la Eŭropa kongresejo la kongresanoj devas paroli Esperanton. Sed,... kiel ni povas atingi ĉi tion".

"Tiu ĉi afero konsistigas nian gravan problemon".

"Kion ni devas fari por atingi ke ĉiuj la Eŭropaj landoj pensu kiel ni ? "

"Ni devas serioze pritrakti tion ĉi kaj pripensi tre bone kaj detale kiamaniere - ni devas agadi".

"Mi opinias ke ni bezonas ke en la Eŭropa Kongresejo estu esperantistaj personoj, kiuj kapablu kaj povu interne defendi nian lingvon.

"Kiel estas eble sen esti politikistoj ? Kiel estas eble eniri la Eŭropan Kongresejon sen fari politikon ?"

"Tre facile. Ni devas komenci novan fazon. Ni devas pensi alimaniere kaj fari politikon. Jes, ni povas kaj devas fari politikon Jes, sed "nian politikon", ne fari ekonomian politikon. Ni faros ke nia celo, nia ideo,transformiĝu laŭ politika ideo".

"Ni povas priparoli tiun ĉi aferon kaj decidi inter ĉiuj ni kiel prezenti nian - eblan solvon antaŭ la Hispana Kongreso de Esperanto".

"Mi ne deziras esti la sola parolanto, mi preferas ke, post mia mallonga parolado, ĉiuj ni parolu pri nia temo kaj atingu eblan kaj kontentigan solvon".

"Ĉiam ni diris: "Esperanto ne devas esti politika", ni ĉiam asertis ke Esperanto estas neŭtrala. Bone ! Tamen mi ne diras ke ni devas fari politikon kiel certe ĉiuj vi pensas nun".

"Mi deziras esprimi ke ni devas prezenti nian ideon kiel politika ideo, por povi pli bone labori por atingi nian celon".

"La Eŭropa Ekonomika Komunumo bezonas, pli trafe al ĝi estas nepre necesa,nian Internacian Lingvon".

"Eklaboru ĉiuj ni nun pri ĉi tio kaj ni komencu hodiaŭ parolante inter ni".

"La kolokvo malfermiĝas".

"DANKON ! "

Ni devas reliefigi, ke en tiu Iª ASTURA KONGRESO DE ESPERANTO, oni larĝe honoris nian Asturan Esperanto-Asocion per aljuĝado fare de I.L.E.I. da diplomoj al niaj karaj samideanoj: Santiago Mulas Gallego, Julio Argüelles García kaj Adonis González Meana pro sia entuziasmo, intereso kaj aktivado en la por-Esperanta laborado.La diplomojn transdonis s-ro Francisco Zaragoza. Sed ankoraŭ pli honorigaj estis la okaze de tiu Kongreso starigitaj premioj: Sindona por-Esperanta laborado dum la tuta jaro, aljuĝita al s-ro. Francisco Zaragoza; Esperanta Literaturo, aljuĝita al s-ro. Santiago Mulas Gallego, pro la historieto pri "La katineto de mia avino", publikigita en "HELECO" kaj "Internaciaj rilatoj nome de A.E.A.", aljuĝita al nia kara Julio Argüelles García. Tiuj ĉi premioj konsistis el belaj kaj surgravuritaj metalaj platoj.



La Iª ASTURA ESPERANTO-KONGRESO, kiu okazis de la 27-a ĝis la 29-a de Junio 1.986 en Navia, aprobis la deklaracion kies teksto sekvas:

KONSIDERANTE ke por atingi siajn celojn ĉiaj fakoj de la socio sukcesas nur per - politikumado, t.e. ; senĉese efektivigante ian politikon, ĉu ekonomian, ĉu arme-asociigan, ktp., ktp.

KONSIDERANTE ke nia Lingvo atinganta jam sian Cent-jaran Jubileon ankoraŭ ne sukcesis esti agnoskita de la tutmondaj registaroj, malgraŭ la sindona laborado de ĉiuj esperantistoj kaj kelkaj sporadaj sukcesoj.

AKCENTAS la gravecon de adekvata politikumado far ni ĉiuj, kiu tute ne temu pri la ordinara politikumado, kiun ni havas mense, sed pri serioza kaj deca Lingva Politiko ĉe ĉiaj gravaj Oficialaj Institucioj, ĉu lokaj, ĉu provincaj, ĉu naciaj.

ALVOKAS por vigla strebado atingi ke kiel eble plej multaj esperantistoj enofici -



ĝu en tiaj Oficialaj Institucioj, tiele disponigante gravan apogon por la citita Lingva Politiko.

INSISTAS por ke ĉiu esperantisto ekagu per la koncernaj demarŝoj ĉe la lokaj Oficialaj institucioj kaj aŭtoritatuloj, kiaj urbodomoj kaj simile, proponante Esperanton kiel plej trafa solvo por la rilatoj internaciaj, por altiri la mondan turismon,ktp.,ktp.

Ekzemploj pri la efiko de tiaj kontaktoj estas, i.a., la rezolucioj de UNESKO:

IV. 1.4.422 - 4224 en la jaro 1.954.
XI. 4.4.218 - 4224 en la jaro 1.985.

Kompreneble, la plej gravaj sukcesoj estis atingitaj far veraj elstaruloj de nia movado, kiel: Ivo Lapenna, Humprey Tonkin, Grègoire Maertens, ktp., ktp., sed iu ajn esperantisto eĉ tiu plej modesta kapablas ĉe sia medio atingi ian sukceson por nia Internacia Lingvo Esperanto.



# La malespero

(PASTIĈO)

En la mondon venis malkonsento,
tra la mondo iras sanga ŝoko.
Per fiagoj de nehoma gento,
nuna vivo ŝajnas kruda moko.

Ve! Al bombo korpojn kreviganta
ĝi la homan logas familion.
Al la mond' senĉese batalanta
ĝi permesas daŭre la defion.

Sub terura prem' de l' malespero
kolektiĝas lacaj suferantoj,
ĉar fiaskas ĉie sur la tero
la laboro de la esperantoj.

Forte staras firmigitaj baroj
inter la popoloj dividitaj.
Kaj persistos ili dum miljaroj,
de tenaca stulto subtenitaj !!

Sur ĥaosa lingva fundamento,
malfidante unu la alian,
la popoloj vivas en turmento
vivon mornan, tedan, anarkian.

Ĉie malaperas la bonfaro,
paclaboro baldaŭ jam perdiĝos,
dum regado de la fiularo
en la mondo pli kaj pli firmiĝos.

ALCIBIADO

Langreo, la 28-an de Majo 1986

# La verda komisarejo



## OFICIALA KOMUNIKO

Membroj de unu patrolo de la taĉmento "VERDA STELO" arestis lastatempe la lingvoteroristojn, kies nomojn kaj deliktagojn ni aperigas jene:

DISTRIKTO DE "HEROLDO DE ESPERANTO", n-ro 6 (1761)

La t.n. PRO, kiu uzurpas la rolon de s-ro POR en la 19ª linio de la 6ª kolumno de la paĝo 2, kaj ripetas poste tiun fian agadon en la 33ª linio de la 1ª kolumno de la paĝo 3.

La t.n. TIU, kiu ne alkuris dejori inter s-roj JES kaj ESTAS en la 10ª linio de la 2ª kolumno de la sama paĝo, nek inter s-roj TAMEN kaj ESTAS en la 12ª linio de la samaj kolumno kaj paĝo.

La t.n. PROGRAMEROJ, kiu aŭdacas dejori sen la deviga finaĵo "n" en la 2ª linio de la 5ª kolumno de la paĝo 3.

La t.n. DEMANDITA, kiu uzurpas la postenon de sia parenco DEMANDITE en la 4ª kaj 5ª linioj sub la foto de la kolumno 6ª de la sama paĝo.

La t.n. VOKIĜO, kiu uzurpas la metion de sia parenco ALVOKIĜO en la 54ª linio de la 4ª kolumno de la paĝo 4.

DISTRIKTO DE "CATALOGO DE LIBROS" de libroservo de HEF, Aprilo-Junio 1986

La t.n. NOVELOJ, kiu uzurpas la oficon de s-ro ROMANOJ en la 2ª linio de la paĝoj 6, 7 kaj 8.

La t.n. ALIAJ, kiu uzurpas la profesion de s-ro ALIAĴOJ en la 2ª linio de la paĝo 14.

La t.n. MINIMUMA, KVANTO kaj POSTULATA, kiu aŭdacas aperi en kunveno oficiala en la 20ª linio de la paĝo 15 sen la deviga finaĵo "n".

Siavice, alia patrolo, apartenanta al la taĉmento "ZAMENHOF", ankaŭ arestis dum la lastaj tagoj, en la distrikto de "HELECO", n-ro 48 (1), la lingvodeliktulojn, kies nomojn kaj fiagojn ni sciigas ĉi sube:

La t.n. NI, kiu ne sin prezentis dejori inter s-roj E. kaj HONORIS en la 3ª linio de la paĝo 2.

La t.n. LIAJ, kiu uzurpas la metion de s-ro SIAJ en la sama paĝo, 16ª linio.

La t.n. EL, kiu tute neutile ĉeestas dufoje en la 24ª linio de la sama paĝo.

La t.n. DA, kiu uzurpas la lokon de s-ro DE en la sama paĝo, 27ª linio, kaj ripetas tiun fiagon en la linio 30ª de la paĝo 8.

La t.n. KIU, kiu uzurpas la postenon de sia parenco KIO en la 31ª linio de la sama paĝo.

La t.n. KUN, kiu uzurpas la lokon de s-ro PER en la 17ª kaj 26ª linioj de la paĝo 8.

La t.n. MIA, kiu aperas en la 5ª linio de la sama paĝo sen la deviga finaĵo "j", kaj ne iris dejori inter s-roj DE kaj INFANAĜO en la 37ª linio.

La t.n. SUPERA kaj PERSONO, kiu aŭdacas dejori en la 2ª linio de la paĝo 9 sen la deviga finaĵo "n".

La t.n. HOMO kaj ALIAJ, kiu agas same en la 4ª linio de la sama paĝo.



La t.n. LEVIGIS, kiu uzurpas la lokon de sia parenco LEVIS, kaj la t.n. DE, kiu agas same rilate s-ron EN, en la 4ª linio de la paĝo 10.

La t.n. ĈIOPOVA, kiu uzurpas la oficon de sia parenco ĈIOPOVULO en la 11ª linio de la sama paĝo.

La t.n. KONSCIA, kiu uzurpas la rolon de sia parenco KONSCIENCIA en la 17ª linio de la sama paĝo.

La t.n. POR, kiu uzurpas la metion de s-ro AL en la 23ª linio de la sama paĝo.

La t.n. KIU, kiu uzurpas la postenon de s-ro IU en la 26ª linio de la sama paĝo.

La t.n. EN, kiu uzurpas la profesion de s-ro SUR en la 29ª linio de la sama paĝo.

La t.n. ŜANĜIĜAS, kiu uzurpas la oficon de s-ro ŜANĜAS en la 38ª linio de la sama paĝo.

La t.n. TRADICIA kaj PENSMANIERO, kiu aŭdacas prezentiĝi en la samaj linio kaj paĝo sen la deviga finaĵo "n".

La t.n. GEPAROJ, kiu uzurpas la oficon de s-ro PAROJ en la 2ª linio de la paĝo 11.

La t.n. INTER, kiu uzurpas la lokon de s-ro SUR en la 3ª linio de la sama paĝo.

La t.n. GENERON, kiu uzurpas la postenon de s-ro GENERADON en la 13ª linio de la sama paĝo, kaj ripetas tiun fiagon en la 18ª linio.

La t.n. LA, kiu forestas senrajte inter s-roj KAJ kaj VIRINO en la 17ª linio de la sama paĝo.

La t.n. KIAM, kiu uzurpas la metion de s-ro KIE en la 19ª linio de la sama paĝo.

La t.n. AL, kiu uzurpas la laboron de s-ro PRI en la 22ª linio de la sama paĝo.

La t.n. DUBEMA, kiu uzurpas la rolon de s-rino DUBA en la 28ª linio de la sama paĝo.

La t.n. ĜIN, kiu senrajte forestas inter s-roj METU kaj EN en la 10ª linio de la de la paĝo 12; kaj ripetas tian fiagon inter s-roj SURTABLIGU kaj MALVARMEGAN en la 14ª linio.

La t.n. ĈION, kiu agas same inter s-roj METU kaj EN en la 14ª linio de la sama paĝo.

Ĉiuj tiuj lingvodeliktuloj estis kondukitaj al la PIV (Punaj Instalaĵoj por Vortfuŝistoj) kaj, post unutaga restado tie, kaj ricevo de po kvin batoj per la kvin pintoj de la verda stelo sur iliaj vertoj, ili estis liberigitaj

## G R A V E G A   A V E R T O

La paĝoj 3, 4 kaj 5 de tiu lasta distrikto estas TRE DANĜERAJ. Amaso da ĉiaspecaj lingvodeliktuloj svarmas tie. Ili estas tiamaniere multnombraj, ke oni estis devigata aresti neniun pro manko de spaco kaj en ĉi tiu komisarejo kaj en la PIV. Mi rekomendas zorgegan legadon. Atente evitu la konsekvencojn de tiu tute nenormala lingva situacio !!

Esperburgo, la 24an de Majo 1986
LA ĈEFKOMISARO,

Al. ZIBJADES



# PERLETERA AMIKECO



- IVAN GONZALEZ, 15 jarojn aĝa, deziras interŝanĝi poŝtmarkojn, glumarkojn, anagramojn, ktp. Li loĝas en:

C/ Vic, nº 140, 1º - 1ª
08240 MANRESA (BARCELONA) HISPANIO

# Kio okazas en nia socio ?


Estas evidente, ke ni troviĝas en sanĝiĝanta socio. Eble al tio kontribuas la tielnomata demokratio, kiu donas al civitano pluan liberon mem decidi, kion fari kaj kion pensi. La fakto estas, ke lastatempe aperis en Hispanujo kaj multaj okcidentaj landoj gesinjoroj, kiuj povas antaŭvidi tion, kio okazos morgaŭ kaj eĉ post kelkaj jaroj. Estas vero, ke tiaj viziuloj ĉiam ekzistis, sed nuntempe ili larĝe multobliĝis. Krome la modernaj komunikiloj donas al ili grandajn eblecojn por diskonigo de siaj antaŭvidoj kaj antaŭdiroj.

Antaŭ nelonge mi legis en Internacia Esperanto-gazeto, ke la nombro de specialistoj pri la "divenado" ege kreskis en Francujo, lando, kiu jam havis malnovan tradicion en tia arto. Do, se ni komparas nian landon kun tiu najbara, eble ni ne devos surpriziĝi. Kvankam estas vero, ke mi ne komprenas, kiel homo, kiu neniam havis kontakton kun tiuj prestiĝaj divenistoj, nek konis ilin, povas fali subite en tiujn kredojn.

Kio okazas ? Kio mankas ? Ĉu la homo perdis la fidon al si mem kaj serĉas sian savon, ĉu spiritan, ĉu materian pere de homoj, kiuj antaŭ ili aperas, kiel superaj kun eksterordinaraj povoj ? Ĉu estas, ke ni revenas al malnovaj tempoj de obskurantismo ?

Estas multaj milionoj da personoj, kiuj pere de religio trovis trankvilecon por sia spirito kaj akceptis la sociajn cirkonstancojn kun relativa toleremo. Sed fakte nun multaj piuloj vizitas tiujn - viziulojn - kun la espero, ke ili donos lumon pri sia estonteco. Kio okazas, ĉu la religioj perdas sian influon ? Mi ne estas fakulo pri tiuj temoj. Tamen, se matene piulo vizitas preĝejon kaj vespere vizitas sinjoron kun specialaj povoj de antaŭvido por la estonteco, estas nediskuteble, ke en la menso de tiu persono io ne funkcias bone, ke io restas for de sia kapablopovo. Do, tio signifas, ke li vivas sen ia fiksa celo, ke li apenaŭ konas principojn de la vivo kaj ke la estonteco por li aperas neklara kaj li hezitas kion fari.

Sendube la eksploda apero de tiuj "inteligentaj" homoj ankaŭ estas produkto de la nuna krizo ekonomia, kiun suferas nia socio. Malmultaj homoj hodiaŭ vidas helan estontecon. Ĉiu sin demandas, kio okazos post kelkaj jaroj ? La maltrankvilo regas multajn spiritojn de hispanoj. La malespero estas ĉiutaga akompananto. Kaj kiam ekzistas malespero, la homo estas preta fari multajn stultaĵojn. Okazas ankaŭ, ke pro la malfavora ekonomia situacio, iuj personoj decidas ekspluatadi la necertecon de siaj kuncivitanoj, kaj kuraĝe ili sin dediĉas al tiu nova arto, antaŭdiri la estontecon, laboro, kiu laŭdire nuntempe estas tre sukcesa kaj profitodona. Kvankam persone mi nenion povas aserti tiurilate. Niaj komunikiloj, kiel supre dirite, bone kontribuas al la disvolviĝo de tiu nova profesio. Mi bone povas memori pri programo, kiu ekzistis en nacia radio. Mi ne memoras, ĉu estis merkrede aŭ jaŭde, sed la fakto estas, ke en tiu ŝtata radio-elsendejo estis programo tiucela. Zorgis ĝin sinjorino, al kiu aŭskultantoj faris demandojn. Tiuj demandoj estis multaj kaj diversaj. Estis iuj, kiuj diris, ke ili aŭdas voĉon de siaj parencoj jam delonge mortintaj; estis aliaj, kiuj ne sciis la kialon sed ili antaŭvidas multajn malfeliĉojn. La porokaza specialistino de la tago, per longa babilado kaj miksado de multaj konceptoj per sia verbo-kapablo klopodis doni solvon kontentigan de la eksponitaj problemoj kaj tiucele veki la intereson de la aŭskultantoj kaj samtempe ilin konsili pri privata vizito en sia propra hejmo. Nu verŝajne la negoco funkcias. Sed mi donis veran atenton, kiam kelkaj aŭskultantoj demandis al ŝi, kiam ili trovos laboron ? Jen demando serioza, grava. Sendube la ministro de laboro devus ĝin aŭskulti, ĉar mi estas certa, ke eĉ la sinjoro ministro ne scias, kiam tiuj demandantaj personoj trovos laboron. Nu, la sinjorino scianta pri la estonteco kuraĝe kapablis respondi; dubeme, sed ŝi asertis, ke eble baldaŭ estos okazo por trovi laboron. Kompreneble ŝi lerte konsilis la demandinton, ke li vizitu liajn parencojn kaj amikojn, kiuj povos lin helpi, sed la estonteco estas ja nepre favora por ŝi, kiu baldaŭ povos trankviligi sian vivon. Evidente, ankaŭ la demandinto estis konsilata viziti la privatan konsultejon de la spertulino, ĉar ŝi diris, ke radio ne estas akdekvata loko por ĉion klarigi, kaj krome la tempo disponebla estas malmulta, ĉar aliaj personoj atendas ilian vicon. Grava, tre grava kancero nestas en nia socio, kiam la homo ne trovas per si mem respondon al tiuj demandoj, kiuj lin afliktas.

Al tiu listo de saĝuloj oni povas aldoni multajn aliajn. Kion diri pri tiuj personoj, kiuj antaŭvidas la estontecon pere de ludokartoj aŭ per aliaj rimedoj similaj ? Ĉio dependas de iuj ludkartoj, kiujn la "majstro" ĵetas sur la tablon, do, via vivo dependas unike de la ludkartoj, se anstataŭ iuj kartoj troviĝus aliaj sur la tablo, via vivo havus alian destinon. Pli kurioze estas, ke normale la homoj vizitantaj tiujn magiistojn restas kontentaj kaj denove revenas konsulti sian gvidanton. Estas io mirinda, kiel homo povas tiel vivi feliĉe, dum



aliaj tiom facile povas havigi al si monon. Evidente mi ne scias, kian profiton eltiras la socio el tiuj profetoj kaj iliaj adeptoj. Mi ne - kredas, ke tio estos ja taŭga por la progreso, ĉar ĉiu problemo havos solvon adekvata, kio necesas estas, ke la homo estu preta ĝin solvi. Estas vere, ke tio estas malfacila tasko, neniel donanta apogopunkton por ke la menso de la homo vojaĝu de loko al loko, serĉante ion, kion vere neniu scias. La estonteco dependas unike de nia agado ĉiutaga, ĉu persona aŭ kolektiva.

LUIS SERRANO PEREZ

SABADELL 31-5-1986



(daŭrigo de la paĝo 10)

- Valoras rememori, ke la trejnistoj ekludigis vin ĉe la lud-fino mem kaj vi dum kelkaj minutoj sukcesis enpafi golon, kiu decidis pri la rezulto. Gratulon !

Dankon, kaj nun pardonu min: la ludo komenciĝas, kaj mi iru al la benko, mi volas travivi mian ludon.

- Do, estimataj futbalŝatantoj, ni komprenas, ke la unua golo de VALENTINO P. estas ankoraŭ ne la plej grava kion povas fari por sia teamo la juna futbalisto. Sed la komenco gravas. Ni kredu, ke estos ankoraŭ pliaj goloj de VALENTINO,kaj ne nur en la proksiman golej-angulon, kaj povas esti ke ne nur en la propran golejon.

G. DROBIZ

Traduko el la rusa I. DRULL

El la ĵurnalo "TRUD" 17.11.85



LA HOJA Lunes — Lunes, 11 de agosto de 1986 15

# MUNDO, DEMONIO Y CARNE



## UN ESPERANTISTA GIJONES EN PEKIN

El gijonés Julio Argüelles se encuentra en el "Beijing Friendship Hotel", en Pekín, asistiendo al setenta y un Congreso Universal de Esperanto. Desde allí nos manda una postal, asegurándonos que la reunión mundial de esperantistas está resultando todo un éxito, ya que dos mil doscientas personas se han trasladado hasta Pekín para hablar de la compleja problemática del esperanto. El interés de semejante convención de esperantistas llega hasta el extremo de que cuarenta y cuatro agencias de información están cubriendo, día a día, la información de todo lo que se cuece en la olla esperantista.

Cuando se pensaba que la política expansionista de Ronald Reagan iba a convertir al inglés en el idioma de cabecera de todos los que vivimos en este mundo, los esperantistas, que llvan tantos años luchando porque estaa tierra no sea una nueva Babel, nos dan la sorpresa de que hasta en Pekín tienen la fuerza suficiente para reunirse dos millares de expertos y establecer nuevos cauces de impulso a una lengua que, hoy por hoy, no puede compararse, evidentemente, ni al inglés ni al castellano, en cuanto a número de usuarios. Pero, vamos, que tienen más moral que el Alcoyano a la hora de ofrecer nuevas alternativas lingüísticas a los ciudadanos de este mundo. La presencia de un gijonés en tan importante evento resulta, de alguna manera, reconfortante a la hora de confirmar que tampoco en esto del esperanto la villa de Jovellanos se queda atrás.



Jen eltondaĵo el loka gazeto,kiu sub la titolo "GIJON-a Esperantisto en Pekino",informas pri la fakto ke samideano Julio Argüelles García,nia kara,sindonema kaj senlaca amiko, estas partoprenanta la Universalan Kongreson de Esperanto en Pekino el kie li sendis bildkarton sciigante pri la sukceso per kiu la U.K. disvolviĝas.

Per alsendo de tiu bildkarto al la gazeto nia samideano Julio sukcesis pri nia afero interesigi ĝin kaj samtempe informi la ĝeneralan publikon pri la Kongreso.

# Niaj Geamikoj el....

## ...Ĉeĥoslovakio

AMIKA RENKONTIGO DE 3 URBOJ



asintan jaron en Oktobro, okazis en BRATISLAVA (Ĉeĥoslovakio) Esperantista-Renkontiĝo de 3 urboj: BRATISLAVA - BRNO - BUDAPEŜTO. Ĝi estas jam tradicia E-Renkontiĝo, du urboj el Ĉeĥoslovakio (BRNO, BRATISLAVA) kaj unu el Hungario (BUDAPEŜTO). Ĉiujare esperantistoj renkontiĝas en unu el tiuj urboj. Alvenis preskaŭ 70 gepartoprenantoj, el kiuj 22 esperantistoj el Budapeŝto kaj la ceteraj el Brno kaj Bratislava.

La 3-an de Oktobro posttagmeze okazis la alveno de partoprenantoj. Post - vespermanĝo la bratislavanoj bonvenigis la gastojn en la salonego. Poste oni projekciis lumbildojn pri Bratislava, kiujn prikomentariis kaj klarigis Dr-ino M. Ŝaturová. Poste D-ro Ŝatura parolis pri la Universala Kongreso de Esperanto en Aŭsburgo.

La 4-an de Oktobro antaŭtagmeze partoprenantoj povis trarigardi ekspozicion BIENALE, vere grandajn kaj belegajn pentraĵojn, en libroj por infanoj el 5 kontinentoj. Entute temis pri 2500 pentraĵoj.

Posttagmeze komenciĝis en la nova Kulturdomo RUZINOV Bratislavaj kulturaj Tagoj. Antaŭ la programo la partoprenantoj trarigardis belan kaj allogan filatelan ekspozicion de E-Korespondaĵoj, kiujn aranĝis s-ano F. Zöld. Pri la ekspozicio interesiĝis ankaŭ neesperantistoj. Poste sekvis vizito kaj trarigardado de nova Kulturdomo, kie estas ankaŭ Esperantista-Klubejo.

Nun pri kultura programo. Kvin gesamideanoj deklamis poemojn de ĉeĥaj, - slovakaj kaj hungaraj poetoj. Unu samideanino tralegis sian propran verkaĵon. La programon kompletigis du ĉarmaj knabinoj-fratinoj el slovaka urbo MOLDAVA, per bela deklamado. La rolantinoj estis premiitaj per donacoj, kiujn dediĉis la Kulturdomo Rusinov. El ĉi tiu programo estos elektitaj eroj por tutŝtata - deklam-konkurso.

Post la vespermanĝo la programo estis daŭrigata en Studenhejmo, kie la partoprenantoj ankaŭ loĝis.

Je la komenco, Prezidantino de E-Klubo en Bratislava transdonis memordonacojn, kion reciproke ankaŭ faris la gastoj. Fine sekvis amuza programo.

Per altkvalitaj programeroj kontribuis la gefratoj Ŝatura, kiuj prezentis per piano komponaĵojn de J.S. Bach kaj la fratino Magdalena kantis en Esperanto slovakajn popolkantojn. Samideano D-ro Ŝatura tralegis propran humuran verkon :"Utopia Kongreso en la jaro 2025". La verko ŝerce bildigis la estontecon en E-Movado.

Poste sekvis tri skeĉoj, kiujn tre bone prezentis Dr-ino Ŝaturová, Komlosiová. Je la fino de la unua parto de la programo taksis la Renkontiĝon s-ano Tvarozek. Ankaŭ li parolis ŝercante kaj sprite. Interalie, li diris: "Bonaj -

homoj ĉiam havas okazon por kunveni."

Ĉiujn kulturajn programerojn enkondukis Dr-ino Săturová, kiu ĉiun programeron akompanis per konvenaj spritaj vortoj.

Duan parton de la programo aranĝis la gastoj. La unua estis s-ano Vondroušek el BRNO, kiu parkere prezentis tre belan orientan rakonton. La gesamideanoj el Budapeŝto kantis Esperante belajn kantojn.

La tutan vesperon akompanis gaja humoro, kiu daŭris ĝis malfrua nokto.

La 5-an de Oktobro antaŭtagmeze partoprenantoj trarigardis kulturajn kaj historiajn memoraĵojn de BRATISLAVA. Ekzemple: kastelon, muzeon, monumenton - Slavín, novan modernan ponton de Slovaka Nacia Revolucio kaj aliajn.

Dum tri tagoj regis amika etoso inter ĉiuj partoprenantoj. La Renkontiĝo sukcesis. Sed sukceso dependis de homoj, de la kolektiva klopodo fare de ĉiuj anoj de E-Klubo en BRATISLAVA.

Kiu estis kapabla, tiu volonte helpis en la Organiza Komitato. La samideanoj-bratislavanoj estis feliĉaj, kiam la kontentaj partoprenantoj sincere dankis pro ĉio, pro la tri belegaj E-Tagoj.

Vere ni ĉiuj partoprenantoj pasigis neforgeseblajn tagojn en Bratislava. Ni ĉiuj eklernis novajn kantojn en Esperanto kaj gaje ni ĉiuj kantis.

Ni ĉiuj ĝojas je la venonta renkontiĝo en BUDAPEŜTO.

Vladimír Rotrekl

(ZNOJMO - ĈEĤOSLOVAKIO)



## ...Sovetunio

Intervjuo kun la heroo de la monato.

VALORAS LA KOMENCO. . .



Lastatempe la atenton de la ŝatantoj de futbalo altiris la debutanto VALENTINO P., kiu enpafis sian unuan golon en la ludoj de la supera ligo. Kaj li faris tion ĉi tiom bele kaj neatendite, ke laŭ la multnombraj petoj de la futbal-ŝatantoj nia redaktoro interparolis - kun VALENTINO antaŭ la matĉo.

- VALENTINO, kvankam la lud-sezono nur ekfiniĝas, vi jam golis. Kio helpas vin goli ?

- Kio helpas al mi tiom goli, kvankam la sezono nur ekfiniĝas - tio estas la helpo de la spertaj lud-majstroj. Ja mia biografio nur ĵus ekkomenciĝis. Tamen mi ludu en iu ajn teamo, mi ĉiam konservas memoron pri mia kara klubo.

- VALENTINO, ne estas sekreto, ke ne ĉiuj futbal-ŝatantoj ankoraŭ ekkredis pri vi. Iuj asertas, ke via unua golo estas rezulto de okaza misbato.

- Mi komprenas: mi devas ankoraŭ multe pen-labori por akiri rekonon de -niaj postulemaj futbal-ŝatantoj. Tamen, mi ne povas konsenti pri tiu ĉi trakto de mia unua golo. Ĝi estas rezulto de profunde pripensita kombinaĵo: mi aplikis FAL-BATON * kaj absolute neatendite de la golulo direktis la pilkon ĝuste en la proksiman golej-angulon.

(daŭrigo sur la paĝo 8)

* maniero elbati pilkon el sub piedoj de kontraŭulo, samtempe falante (I.D.)

# Humuraĵoj

- " -Sinjoro doktoro: kiam mi spiras, mia brusto min doloras. "
  " -Ne spiru do dum tri tagoj kaj la doloro malaperos. "

- " -Kiel oni nomas la junulinojn, kiuj ne glutas "la pilolon" ? "
  " -Panjoj."

- " -Ĉu vi volas esti la patrino de miaj filoj ? "
  " -Kiom da ili vi havas ? "

- " -Ĉu vi venas en mian hejmon por aŭskulti muzikon ? "
  " -Kaj se ĝi ne plaĉas al mi ? "
  " -Vi do vin vestos kaj foriros. "

- " -Pardonu.Mi estis konfuzinta vin kun mia patrino. "
  " -Tio ne estas strangaĵo. Mi ankaŭ estas fraŭlino. "

- " -Ĉu estas tie mia edzino ? "
  " -Kiu demandas ? "

- " -Ĉu la dentisto ? "
  " -Li forestas. "
  " -Mi do iros tien. "

- " -Ĉu vi vidis iun policanon en tiu ĉi zono. "
  " -Ne. "
  " -Donu do al mi vian tutan monon. "

- En la trajno.

  " -Sinjoro kontrolisto, ĉu mi povos elvagoniĝi en Cercedilla ? "
  " -Jes, sed bone zorgu. La vagonaro ne haltas tie. "

- " -Oni rabis al mi. "
  " -Ĉu vi ne eligis vian pistolon ? "
  " -Kion vi volas, ke oni ankaŭ estus rabinta ĝin ? "

- " -Mi maltrafis la trajnon. Mi eliros morgaŭ je la sama horo. "
  " -Se vi eliros je la sama horo, vi denove maltrafos ĝin. "

- Li tiom da fojoj forestis de lia laborejo, ke oni lin maldungis kaj li ne konsciis tion.

- " -Kiu estas la birdeto, kiu flugas plej alten ? "
  " -Tiu de Supermano. "

- " -Kiu parolas ? "
  " -Vi. "

Esperantigis: ALCIBIADO

Langreo, la 26-an de Majo 1.986



# KUIRANTE KUN PILAR

## OVOJ KAJ ŜINKO EN UJETOJ

INGREDIENCOJ: Po unu ovo ĉiu persono.
Ŝinko hakita.
Fromaĝo raspita.
Beŝamela saŭco.
Butero.
Pipro kaj salo.

---

Uzu ujetojn, po unu ĉiu persono.

Buterumu bone, enmetu tavolon da ŝinko kaj sur ĝi rompu zorgeme unu ovon.

Intermiksu beŝamelan saŭcon kun fromaĝo kaj salo kaj aldonu unu supkuleron da ĉi tio al ĉiu ujo.

Metu iomete da akvo en malprofundan kaserolon, enmetu la ujetojn kaj baku en varmigita bakforno je mezalta varmeco, ĝis la supro bruniĝas.

BONAN APETITON